


# INTERNACIA FERVOJISTO

## 2014.2



*La reloj ligas la landojn, Esperanto la popolojn*

# REDAKTORA RAPORTO

Ĉiu jaro kunportas bonajn kaj malbonajn eventojn. La pasinta jaro bedaŭrinde donis al ni, ĉefe por la Redaktora Komisiono de IFEF ĉagrenan eventon, ĉar mortis ĝuste antaŭ la 65-a IFEF-kongreso József Cziboly. Li enpaĝigis nian fakan revuon „Internacia Fervojisto”, kaj pro lia morto ni havis multajn problemojn. Provis helpi en la enpaĝiga laboro kelkaj spertaj fervojistaj esperantistoj, sed tamen mi elektis mian filinon por finpretigi la IF-on.

La trimembra Redaktora Komisiono bone faris sian taskon, pro tio ĉiu numero de nia revuo aperis ĝutatempe, la aspektoj kaj la enhavoj ricevis rekonojn de la legantoj. La Redaktora Komisiono klopodis aperigi multajn artikolojn pri fakaj, kulturaj kaj movadaj temoj. En la jaro 2013 aperis ses numeroj de la revuo, po 20 paĝoj. Entute aperis 58 artikoloj kun 78 fotoj. Intertempe mi serĉis kaj trovis novan presejon, ĉar la antaŭa presejo funkcias pli ol cent km-ojn for de Budapest. La nova presejo pretigas la frontpaĝon kaj la lastan paĝon kolore, kaj la prezo ne ŝanĝiĝis, eĉ la limdatoj de la preslaboro estas pli konvena ol la antaŭa.

En la pasinta jaro ni ricevis pli multajn kaj valorajn artikolojn de la fervojistaj esperantistoj, kaj per tiuj nia revuo montras pli riĉan kaj interesan enhavon. Mi mencias unuavice nian ĉefkomitatanon Jindřich Tomíšek, kaj la gvidantojn de la Faka Komisiono Jan Niemann kaj Heinz Hoffmann, niajn honorajn membrojn Heinz Dieter Hartig kaj Martin Stuppnig. Multe sendis interesajn raportojn pri Esperanto- eventoj Liba Gabalda. Eĉ ni ricevis ĝustatempe la diversajn raportojn, protokolojn k.a. flanke de la estraranoj de IFEF. En la nomo de la Redaktora Komisiono mi dankas al ĉiuj.

**István Gulyás**
redaktoro

## FRONTPAĜO:

**ÖBB (Aŭstraj Fervojoj) Railjet trajno**

## ENHAVO:

# POSTKONGRESAJ EKSKURSOJ

Post la 66-a IFEF-kongreso jam sabate posttagmeze okazos la unua postkongresa ekskurso al la ***Kavernoj Frasassi.*** Tiuj kongresanoj, kiuj partoprenos en la postkongreso, restos en la kongreseja hotelo. De tie startos la speciala aŭtobuso por ekskursi.
Temas pri subteraj karstaj antroj, kiuj troviĝas en la Komunumo de *Genga*, en la Provinco de *Ancona*. La kavernokomplekso apartenas al la Regiona Natura Parko de *Gola della Rossa* kaj *Frasassi*.



*Belega pejzaĝo en la regiono "Marche"*

La komplekso konsistas el serio de kavernoj, la unua el kiuj, viziteblas per la nuna eniro, estas la *Ancona* Abismo: ĝi havas areon je 180x120 m kaj alteco je 200 m; ĝi estas tiel vasta (pli ol 2 milionoj m$^3$), ke en ĝi povus senprobleme enesti la Katedralo de *Milano*.
Ekde 1972 ĝi estas sub la protekto de la *Frasassi* Konsorcio, organizita de la Komunumo de *Genga* kaj de la Provinco de *Ancona*, por defendi kaj plifortigi ĝian sciencan kaj turisman alireblon.
De la 1-a de Septembro 1974 parto de la kavernoj estas malfermita al la publiko, intertempe iĝante unu el la ĉefaj turismaj lokoj en Markio; ekde tiam oni taksas, ke pli ol 12 milionoj da personoj vizitis ĝin.
La malkovro de Kavernoj *Frasassi* datiĝas 25 Septembro 1971.
En julio 1971 grupo de sep esploristoj el *Jesi* estis altirita de forta aerfluo eliranta el malgranda aperturo. Post pligrandigo de la pasejo (poste nomita *Strettoia Tarlo*: Mallarĝaĵoj *Tarlo*) por igi ĝin trairebla, la esploristoj eniris en densan reton de tuneloj, tranĉeoj, tuneletoj, putoj kaj kavernoj, longa ĉirkaŭ 5 km-ojn.
La unua informo pri la plej grava malkovro oni havis en junio 1971, kiam *Rolando Silvestri* kaj *Umberto di Santo*, grimpante la nordan deklivon de la monto *Valmontagnana*, malkovris mallarĝan enirejon. La 25-an de Septembro 1971 *Rolando Silvestri*, dum ekspedicio de *CAI Ancona*, estrata de *Giancarlo Cappanera*, eltrovis tiun truon en la monto, el kiu venis la aerblovo kiel ĉefa enirejo de la kaverno, kiu estis tuj baptita Granda Kaverno de la Vento.
Komence, la trovantoj estis en tiu granda kaverno en la mallumo kaj la ekipaĵoj tiam ekzistantaj ne permesis al ili malsupreniri ĝis la bazo de la kavo, kaj tiam oni taksis la altecon de la kaverno lanĉante ŝtonon kaj mezurante la daŭron de ĝia falo. La unua proksimuma kalkulo kondukis al la neatendita alteco de pli ol 100 m-j. Sekve, la esploristoj dotiĝis per taŭga ekipaĵo kaj esploris la grandegan

spacon, kiu estis nomata "*Ancona* Abismo" honore al la urbo de la malkovrintoj. La novaĵo de la malkovro disvastiĝis per la gazetaro kaj el tiu momento komenciĝis la granda publika reputacio de Kaverno *Frasassi*.

La malkovroj sinsekvis unu la alian laŭ la jaroj kaj kelkaj aliaj pli-malpli atingeblaj ejoj estis malkovritaj kaj esploritaj de la speleologoj. Nuntempe la komplekso de Kavernoj *Frasassi* longas pli ol 13 km-ojn. Interne de Kavernoj *Frasassi* estas konstanta temperaturo je 14 °C kaj humideco proksime je 100%. Interne de ili ĉeestas ankaŭ lagetoj en kiuj gutadas kaj stagnas la akvo de la "putoj", profundaj cilindraj kavoj ĝis je 25 m-j, kiuj povas kolekti akvon kaj transdoni ĝin al la subaj karstaj niveloj.

En neniun ajn punkton de la kavernoj penetras surfaca natura lumo, pro tio la lumigado estas tute artefarita kaj uzas nur malvarmajn blankajn lumojn, kiuj ne produktas varmigon al la kunkreskaĵoj. La solaj malsamaj lumoj estas tiuj bluaj uzataj por reliefigi putojn kaj lagetojn.

Dimanĉe posttagmeze okazos la alia duontaga ekskurso, kiu kondukos la partoprenantojn al la urbeto ***Civitella del Tronto.***

La urbeto lokiĝas 589 m-jn s.m.n. sur rokego el travertino kaj super ĝi elstaras la Fortikaĵo, lasta malesperiga bastiono de la Borbonoj el Napolo kaj el la Du Sicilioj, kiu brave rezistis ĝis la fino, kaj kiu eĉ kapitulacis al la piemontanoj post la proklamado de la Itala Unuiĝo.



*Mallarĝa strateto de la urbo*

La originoj de *Civitella del Tronto* ne estas klara, kvankam oni trovis restaĵon dateblaj el la Neolitiko kaj supera Paleolitiko periodoj.

Oni supozas, ke *Civitella del Tronto* stariĝas sur la antikva areo de la picena *Beregra*. La unuaj historiaj certaĵoj, kiel kasteligita urbo por eskapi la hungarajn kaj saracenajn rabeskpediciojn, reiriĝas al la IX-X jc. (la origino de la hodiaŭa urbeto estas frumezepoka).

*La fortikaĵo de Civitella del Tronto* estas unu el la plej impresaj vorkoj de milita inĝenierio iam ajn starigitaj sur la itala teritorio, komparebla al la Fortikaĵo *Brunetta*, konstruita de la Piemontanoj proksime de la urbo *Susa*. Eble ĝi estas komparebla ankaŭ kun la Hohensalzburga Fortreso en Salzburgo. Ĝi etendiĝas sur la supro de roka kresto longa je 500 m-j, averaĝe larĝa je 45 kaj kun areo je 25.000 $m^2$-j.

Jam ĉirkaŭ la jaro mil, iuj dokumentoj raportas pri kastelo troviĝanta ĉe la supro de la monteto, eĉ se ĝi prenis realajn konsistojn nur dum la ŝvaba periodo kaj poste sub la anĵua, ĉar la proksimeco de la limo inter la Napola Reĝlando kaj la naskiĝantaj Papaj Ŝtatoj donis al ĝi tre gravan strategian rolon. La plej fruaj certaj kronikaĵoj pri la fuorto datiĝas 1255, kiam la Ascolanoj konkeris la kastelon, verŝajne parto de la defenda sistemo de la Apenina limo de la Valo *Vibrata*. Ĝi poste suferis modifojn kaj etendiĝojn ĝis ĝi atingis la nunan hispanan aranĝadon faritan en la XVI jc.

La sieĝoj de 1798 kaj 1806 ne malmulte difektis la strukturojn, tiel ke en 1820 la fortikaĵo estis tute renovigita, tamen konservante sian renesancan karakteron.



*Kampanilo*

Mortan baton al la fortikaĵo trudis la sieĝo okazinta en 1860-61, kiu kune kun la damaĝoj kaj ŝteladoj de konstrumaterialoj, kiuj estis faritaj post la fino de la milito, kondukis al fia malkonstrua agado.

Ĝi suferis gravan restarigan laboron de 1973 ĝis 1985, danke al la patronado de la Intendantejo pri Belartoj de *L'Aquila*, la *Cassa del Mezzogiorno* (Helpkaso por la Sudo) kaj la urba administracio. Tio grandparte redonis la uzeblecon al la fortikaĵo kaj al ĝia medio, tiel ke konserviĝis sia karaktero kiel citadelo de la frua Renesanco, precipe rilate al la historia graveco de la milita fortreso, reprezentanta unikan kazon, ne nur en la Regiono, Abrucoj, sed en la tuta Italio.

Dum la ekskurso la partoprenantoj vizitos ankaŭ la pitoreskan urbon ***Fermo.*** La urbo kuŝas ĉe la piedoj de la monteto *Sabulo* (319 m), superrigardata de la katedralo dediĉita al la Sankta Virgulino *Maria Assunta*. Ĝi situas 6 km-jn de *Porto San Giorgio* kaj 40 km-jn de *Macerata* kaj estas preskaŭ samdistanca inter *Ascoli Piceno* (67 km) kaj *Ancona* (68 km).

Nun la urbo estas dividita en du partoj: la historia parto, lokata ĉirkaŭ kaj sur la supro de la monteto *Sabulo*, restis preskaŭ netuŝita dum la jarcentoj, kun bela mezepoka aspekto, kaj la dua nova parto.

La religia konstruaĵo, *Katedralo de Fermo*, estas dediĉita al la Ĉieliro de *Maria*, leviĝas en la plej alta parto de la urbo, prezentante sian nesimetrian romanika-

gotikstilan fasadon al la Placo *Girfalco* (panorama vidpunkto). Apud la katedralo estas la Dioceza Muzeo.

*La historia centro de Fermo* estis ĉirkaŭbarita per murego el la XV jc., epoko *Sforza*, parte ankoraŭ videbla, fortigita per turoj kaj pordegoj. La pordegoj de la historia urbo dediĉita, al *Sant'Antonio*, *Santa Caterina* kaj *San Giuliano*, estas ankoraŭ aktualaj, dum la eniroj en la urbo tra *Porta San Francesco* (ankaŭ konata kiel "*Porta Marina*") kaj *Porta San Marco* estis forigita en la XIX jc., laŭ la arkitekta projekto de *Giovanni Battista Carducci*, kiu realigis la novan *Porta San Francesco* kelkaj metroj ekstere la malnova *Porta Santa Lucia*.
*La Kastelo de Fermo*, male, estis disbatita fine de la XV jc. de la furioza popolo, kiu perceptis ĝin kiel perfortilo de la familio *Sforza*, poste forpelita el la urbo. La kastelo estis konstruita sur la supro de la monteto Sabulo, kie hodiaŭ estas la esplanado *Girfalco*, nun publika parko apud la katedralo.
El *Girfalco* aŭ *Girone*, la plej alta punkto de la monteto, malfermiĝas larĝa vido de 180° al la marbordo, norde al *Macerata* kaj sude al *Monterubbiano*. En apartaj vidkondiĉoj oni povas ekvidi reliefojn en Kroatio. Estas eksterordinara la panoramo de *Torre di Palme*, frakcio de *Fermo*, sude de la urbo apike al la maro.



*Vidaĵo el Grottamare*

Reveturante al San Benedetto del Tronto la ekskursantoj haltos en la apudmara urbeto ***Grottamare.*** En la urbeto troveblas kelkaj preĝejoj, multaj malnovaj domoj eĉ palacoj, zigzagaj mallarĝaj stratetoj kaj placoj, kie la partoprenantoj povos ĝui la mezepokan etoson. Kiu havas kuraĝon, tiu povos grimpi al la montopinto, kie staras antikva kastelo. La panoramo de sur la urbeto estas neforgesebla, ĉar el la urbeto al la orienta direkto oni povas vidi la marbordon kaj la maron, kaj en la okcidenta direkto brilas la plurmilmetraj neĝkovritaj montopintoj de la Apeninoj. Belegaj vidindaĵoj!

Tiuj belegaj ekskursoj estos inda fermo de la 66-a IFEF-kongreso. Por tiuj, kiuj deziros nur ripozi post la kongreso, tiuj rajtas resti en la sama hotelo je la samaj kondiĉoj por ĝui la maron, kaj la printempan apudmaran etoson.

**Romano Bolognesi**

# TAGORDO DE LA NEPUBLIKA KOMITATKUNSIDO

**de la 66-a IFEF-kongreso en San Benedetto del Tronto (IT)**

**19.05.2014**

1. **Malfermo, konstato de la mandatoj**
2. **Diskutoj pri kongresproponoj**
3. **Honorigoj**
4. **Diskuto kasraporto-bilanco 2011 - buĝeto 2013**
5. **Analizo pri la situacio kaj la estonto de IFEF**
6. **Diskuto pri venontaj kongresoj**
7. **Analizo pri eksteraj rilatoj**
8. **Eventualaĵoj**

**Vito Tornillo**
Sekretario de IFEF

# TAGORDO DE LA PUBLIKA KOMITATKUNSIDO

**de la 66-a IFEF-kongreso en San Benedetto del Tronto (IT)**

**20.05.2014**

1. **Malfermo, konstato de la mandatoj**
2. **Ricevitaj telegramoj, leteroj**
3. **Honorigo al la mortintoj**
4. **Estraranaj raportoj**
   - 4.1. Sekretario
   - 4.2. Redaktoro
   - 4.3. Kasisto
5. **Protokolo Artigues-près-Bordeaux (FR)**
6. **Raporto de la ĉefkomitatano**
7. **Kongresproponoj**
8. **Raportoj de la Faka Komisiono (FK)**
   - 8.1 Gvidanto
   - 8.2 Sekretario de la Fake Aplika Sekcio (FAS)
   - 8.3 Sekretario de la Terminara Sekcio (TS)

**9. Raportoj de la komisiitoj**
9.1 Komitatano „A” de IFEF ĉe UEA.

**10. Resumo de la jarraportoj 2013 el la landaj asocioj**
**11. Analizo pri la situacio kaj la estonto de IFEF**
**12. Buĝeto 2014, kaj kotizkonfirmo**
**13. Rilatoj al aliaj organizoj:**
13.1 UEA
13.2 FISAIC
13.3 SAT- ILEI - UMEA - ISAE
**14. Venontaj kongresoj**
14.1 Konfirmo de la invito al la 67-a IFK en 2015
14.2 Elekto de la lando por la 68-a IFK en 2016
14.3 Diskuto pri pluaj eblecoj
**15. Eventualaĵoj**
**16. Libera diskutado**

**Vito Tornillo**
Sekretario de IFEF

# TAGORDO POR LA KUNVENO DE FK DUM LA 66-a KONGRESO DE IFEF

1. Bonvenigo kaj enkonduko fare de la FK-gvidanto.
2. Raporto de la Fake aplika sekcio-sekretario.
3. Raportoj pri faka laboro en unuopaj IFEF landaj asocioj.
4. Fakaj programeroj dum la 66-a IFK.
5. Raporto de la Terminara sekcio-sekretario.
6. Raportoj de la TS-kunlaborantoj (kaj landaj kaj individuaj).
7. Trakto de nocioj laŭ informoj en Terminaraj Kurieroj.
8. Fakaj programoj dum la 67-a IFK.
9. Novaj taskoj por la sekcioj.
10. Informo pri serĉo de nova kunlaboranto (eventuala estonta sekretario de TS) en la Faka Komisiono.
11. Eventualaĵoj (sub tio korektado de la adreslisto).

**Jan Niemann**
Gvidanto de la Faka Komisiono

# VOJOJ AL SUKCESO

(Tria parto)

*En la antaŭaj du numeroj de IF ni aperigis la unuan kaj la duan parton de la broŝuro de Heinz Dieter Hartig. El la kvin gravaj temoj ni publikigis jam du temojn: „Grupoj" kaj „Kursoj". Nun sekvas la tria temo. (La numero estas daŭra).*

## PRELEGO KAJ RAPORTO

### 15. Verki raporton.

**Skribu simple,** klare kaj facile. Klopodu, ke vi mem plene komprenu la aferon pri kiu vi raportas.

**Akcentu** la gravajn detalojn, por ke la leganto estu informata.

**Evitu laŭeble** kunigi plurajn vortojn. Ŝparu substantivigitajn verbojn.

**Preferu verbojn.** Uzu prefere bone kompreneblajn kaj vivajn verbojn.

**Tro fortaj** adjektivoj estas ofte troigo. Serĉu trafajn esprimojn, kaj evitu „ornam-vortojn". Esploru, ĉu la elektita vorto precizigas?

**Kun plena intereso** kaj entuziasmo traktu vian raporton, por ke la leganto estu kaptata.

**Ne imitu!** Esploru propran stilon.

**Fiksu la celon,** kaj direktu vian tutan klopodon al la celo.

**La titolo** menciu la traktatan problemon. En la titolo menciu gravajn faktojn. La enkonduko estu objektiva, por ke la leganto daŭrigu la legadon. Prezentu tuj interesan situacion.

**Prezentu ekzemplojn,** kiuj substreku viajn opiniojn.

**Ne troigu** per ekzemploj, kaj ne estu moraliga, sed klariga. Diferencu inter faktoj, kiujn la leganto konas, kaj tiujn, kiujn la leganto devas ekkoni.

**Uzu bildojn** kaj desegnaĵojn. Ili diras pli ol mil vortoj.

**Evitu onidirojn.**

**Plenigtekstojn** evitu. Decidu zorge, kiel detala teksto povas esti.

**Neplaĉa fino** povas malbonigi la tutan raporton. Ne finu abrupte.

**En la fino** resumu la plej gravajn faktojn.

**Konvinku** en la fino, ĝi instigu la leganton akcepti, kion la verkisto prezentis.

## 16. Vojoj al bona verkado.

**Ne uzu helpilon.** Pripensu mem, por ke vi ne estu puŝata en fiksitajn vojojn.

**Fiksu ideojn.** Senorde notu ĉiun ideon.

**Unua ordigo.** Aranĝu sur slipo maldekstre ĉefpunktojn, meze la subpunktojn, kaj dekstre restu loko por aldonaĵoj.

**Nun konsultu** literaturon, vortarojn kaj faklibrojn.

**Dua ordigo.** Pli zorgema ellaboro.

**Unua verkado.** Komencu per la plej interesa parto, por ke vi vigliĝu.

**Formetu** vian verkon, por ke viaj pensoj ricevu novan „guston”.

**Unua kontrolo.** Aldonu kaj forstreku. Kontrolu, ĉu estas fakte ĝusta, laŭstile bona kaj gramatike korekta?

**Dua formeto** kaj nova kontrolo. Ĉe gravaj verkoj bezonas denove formeto kaj tria kontrolo.

**Oficiala skribo** de la definitiva teksto.

## 17. Slipara prelegpreparo.

**Kolekti materialon** prefere per kartaro.

**La enhavon** de via memoro fiksu sur kartojn aŭ slipojn.

**Literaturon,** enketojn, gazetojn eltiru aŭ eltondu kaj fiksu sur kartojn.

**Ordigu** la kartojn en kesteton.

**Ideojn,** kiuj aperas dum la laboro, notu sur kartojn kaj metu ilin en la keston.

**Tralaborante** la kartaron vi akiras la koncepton.

**Konservu** la kartaron kiel vian memorilon.

## 18. Ordiga metodo.

**Temo, titolo, surskribo** estas la unua impreso! Zorgu pri pozitiva humoro kaj scivolo.

**Klarigu** al nespertaj legantoj la temon. Indiku proprajn opiniojn.

**Motivigu** viajn opiniojn. Ju pli zorge, des pli vi konvinkas.

**Kontraŭmotivoj.** Fortigu aŭ malakrigu la opiniojn de viaj kontraŭuloj. Per tio vi evitas interkriojn.

**Komparu.** Pruvu per prezento de faktoj, se ekzistas similaj aferoj. Komparoj ĉiam konvinkas.

**Ekzemploj** klarigas la diritan. Ekzemplo efikas kiel bildoj.

**Atestoj** per konataj faktoj, nombroj, eldiroj de konataj aŭ famaj personoj, teoremoj. Atestoj havas plej grandan pruvforton.

**Fino.** Resumu la plej gravajn pensojn, ideojn, kaj aldonu unu aŭ du precipe fortajn argumentojn. Instigu al ago kaj konsento.

## 19. Bona stilo.

**Legu bonan literaturon.** Legu ĉiutage kelkajn minutojn.

**Ekzerco perfektigas.** Ekzercu la skribadon. Legu mallongajn historiojn, kaj formulu la enhavon per propraj vortoj.

**Evitu longajn frazojn.** Ili malklarigas la sencon kaj estas malbelaj.

**Formulu mallonge** kaj klare**.**

**Skribu vigle.** Ankaŭ sekan temon traktu vigle. Estas permesate skribi ĉiumaniere – nur ne enuige!

**Skribu plastike.**

**Agojn esprimu** per verboj. Evitu substantivojn por esprimi agon – verboj estas la animo de frazo.

**La trafa vorto.** Uzu ne ĉiam la saman vorton – serĉu sinonimojn.

**Atentu la stilon.** Serĉu la ĝustan „tonon”.

## 20. Ĉio kion vi diras, devas esti.

**Ekonomia,** tio estas realigebla kaj pagebla.

**Efektiva.** Ne ĉiam estas la plej multekosta la plej bona. Ne ĉiam estas la plej eksterordinara la plej efika.

**Vera.** Nenio estas tiel malfavora, ol kiam la aŭskultanto ekkonas, ke oni trompas lin!

## 21. Prelegu psikologie.

**Atentigu** per agoj (mienoj, gestoj), per drameca enŝovaĵo (surprizo).

**Interesigu.** Evoluigu proprajn pensojn en maniero, kiu kaptas la aŭskultantojn.

**Veku informdezirojn** per ekzemploj, bildoj, optikaj aŭ akustikaj helpiloj.

**Aktivigu.** Ekzemple per aplaŭdo. Se vi konstatas, ke la aŭskultantoj dormas, komencu denove per mienoj kaj gestoj, aŭ per surprizo.

## 22. La preleganto sentu agrabla.

**Listo da prelegantoj** estas grava helpilo por elekti taŭgan preleganton.

**Informu la preleganton** laŭ la deziroj de la grupo – li devas esti bonvena.

**Demandu la preleganton,** ĉu li pretas poste diskuti aŭ respondi demandojn? Ĉu li konsentas al sonbenda registrado? Ĉu li bezonas tabulon aŭ ion alian? Ĉu li deziras esti enkondukata?

**Prezentu la preleganton** korekte, mallonge kaj celante al la traktota afero.

**Ne pelu la preleganton.** Zorgu, ke restu tempo por demandoj.

**Danku la preleganton** post la prelego nome de la grupo.

## 23. Ekzamenu vian raporton.

**Ĉu la titolo** trafas? Ĉu ĝi indikas ekzakte pri kio oni raportas?
**Ĉu la verkinto** kaj kunlaborintoj estas menciitaj? Ĉu ĉiuj indikoj estas korektaj?
**Ĉu danko** pro la kunlaboro estas esprimita? Vi ja volas estonte profiti tion.
**Ĉu vi indikis,** al kiu estas direktita la raporto?

**Ĉu la helpiloj** estas menciitaj kaj priskribitaj? (iloj, eksperimentiloj, k.a.).
**Ĉu superrigardo** klarigas la temojn kaj vian intencon?
**Ĉu limigo** de apudaj temoj?
**Ĉu la enhavindiko** estas kompleta?
**Ĉu la subtemoj** estas klare ekkoneblaj?
**Ĉu vi traktis** ĉiun punkton speciale?
**Ĉu la interesoj** de la adresatoj estas atentitaj?
**Ĉu la subtitoloj** estas elstaraj kaj celindikaj?
**Ĉu via raporto** kondukas per facile sekveblaj paŝoj al la dezirita celo?
**Ĉu la leganto** povas sekvi, aŭ ĉu via raporto estas tro peniga?
**Ĉu la uzataj fakvortoj** estas konataj? Ĉu vi klarigis la fakvortojn?
**Ĉu via raporto** estas objektiva?
**Ĉu la ĝenerala temo** estas klarigita antaŭ ol vi traktis detalojn?
**Ĉu ĉiu menciita indiko** ( priskribita detalo) estas grava?

**Ĉu ekzistas superfluaj** partoj? Pro kio vi ne forigis ilin?
**Ĉu ĉiu subtemo** estas ĉe sia ĝusta loko, kaj ĉu ĝi submetas sin en la tuton?
**Ĉu la gravaj specialaĵoj** (tabeloj) estas sufiĉe facile troveblaj?
**Ĉu ĉiuj indikitaj datoj** estas korektaj? Ĉu ili eltenas ekzamenon de fakulo?
**Ĉu la finkonkludo** pruvas la enkondukan aserton? Ĉu vi atingis vian celon?

**Ĉu via raporto** estas preciza, aŭ ĉu vi tro ofte uzis la vortojn „kelkaj, multaj, pluraj…”?
**Ĉu via raporto** enhavas akcepteblajn proponojn por forigi mankon?
**Ĉu la leganto** povas formi al si bildon kaj proprajn opiniojn pere de via raporto?
**Ĉu la uzitaj bildoj,** desegnaĵoj k.a. estas bone ekkoneblaj kaj kompreneblaj?
**Ĉu estas sufiĉe** da bildoj en via raporto?
**Ĉu la diagramoj,** statistikoj k.a. estas sufiĉe profunde klarigitaj?
**Ĉu la bildoj** troviĝas sur la ĝusta loko, aŭ ĉu ili prefere estu en la suplemento?
**Ĉu la stilo** estas korekta?
**Ĉu la konkludoj** estas devigaj, aŭ ĉu estas aliaj konkludoj eblaj?

**Ĉu la Esperanto-teksto** estas bone komprenebla?
**Ĉu la literoj** ne estas tro malgrandaj?
**Ĉu la presaĵo** estas bonkvalita? Pensu nur al la tro ofte multobligitaj tekstoj – apenaŭ legeblaj!
**Ĉu la papero** estas bonkvalita?
**Ĉu via raporto** havas konvenan formaton?

**Laste: Neniam adiaŭu raporton, kiun vi ne ekzamenis profunde!**

*Jen la tria temo. Ni daŭrigos kun la lastaj du gravaj temoj en la sekva numero de IF.*

**La redaktoro**

# LA RESUMOJ DE LA ĈEFAJ FAKPRELEGOJ DUM LA 66-a KONGRESO DE IFEF

## La nova stacio de Bolonjo por grandrapida trafiko kaj la nova itala motorvagonaroj "Freccia Rossa" ETR1000 por grandrapidaj trajnoj.

La unua ĉefa fakprelego temas pri la nova stacio de Bolonjo estas vera kolo de botelo, kun ses ĉefaj kaj du regionaj linioj, kiuj konverĝas en la nuna historia stacio, situanta ene de la urba centro. Pro tio ne estis sufiĉe da spaco por surface permesi la urban trairon per grandrapida linio. La solvo de ĉi tiu problemo estis la realigado de nova subtera stacio kun koncernaj interligaj trakoj el/al Milano, Firenze kaj Venezia.

Ekde junio de la pasinta jaro ĝi estas finkonstruita, per sendependaj trakaroj, kaj malfermita al la pasaĝertrafiko. Pri la detaloj de ĉi tiu interesa temo estos aŭdebla en la kadro de la unua ĉefa fakprelego dum la 66-a IFEF-kongreso en *San Benedetto del Tronto*.

La dua ĉefa prelego temas pri novaj veturiloj, kiuj trafikos pli grandrapide sur la AV-linioj en Italio, eĉ ne nur en Italio, ĉar la novaj motorvagon-kombinaĵoj "*Freccia Rossa ETR 1000*" estos utiligeblaj sur ĉiuj eŭropaj linioj, ekipitaj per la komandosistemo ERTMS kun diversaj elektraj provizadoj.

Laŭ la itala kompanio "Trenitalia" iĝos la plej bela vagonaro en la mondo. La unua prototipo estas preta kaj ĝi plenumas la ekspluatajn provojn ĉe la fervoja provringo en la urbo Velim en Ĉehio.

Fine de la jaro ni vidos ĝin fulmrapide veturi sur niaj grandrapidaj linioj per rapido de 360 km/h.

Por scii iom pli partoprenu la prelegojn dum la kongreso.

**Vito Tornillo**

# Raporto de la kasisto por la jaro 2013 (sumoj en eŭroj)

| **Enspezoj** | **2013** | *2012* | **Elspezoj** | **2013** | *2012* |
|---|---|---|---|---|---|
| Kotizoj | 3960,00 | *4257,00* | IF-presado | 1570,00 | *1589,00* |
| Donaco | 44,00 | *200,00* | IF-sendo | 1548,00 | *1587,00* |
| FFK-vendo | 88,00 | *0,00* | UEA-kotizo | 183,00 | *183,00* |
| | | | Afrankoj FK | 13,54 | *24,19* |
| | | | Estraro | 445,26 | *1301,83* |
| | | | Kubo (10 kot.) | 90,00 | |
| | | | Bankkostoj | 15,85 | *3,50* |
| | | | ifef.net | 29,90 | *0,00* |
| **Sumo :** | 4092,00 | *4457,00* | **Sumo :** | 3895,55 | *4688,52* |

**Komento** :

FFK-vendo : la FervojFakaj Kajeroj relative multe vendiĝis en 2013 pro disponebleco de la tuta stoko dum la kongreso en Artigues-près-Bordeaux;

Ĉe la linio « Estraro »: sumoj inter jaroj 2012 kaj 2013 estas tre malsamaj: en 2012 estrarkunsidoj okazis dufoje en Francio (Angers kaj Parizo), kaj en 2013 en Italio (San Benedetto) kaj en Rumanio (Oradea); ifef.net: la abonperiodo estas dujara, pro tio aperas sumo unu jaron el du.

| | | **Bilanco je la 31-a de decembro 2013** | | | |
|---|---|---|---|---|---|
| **Aktivoj** | **2013** | *2012* | **Pasivoj** | **2013** | *2012* |
| Banko | 9788,43 | *8589,88* | Kongresa Garantia Fonduso | 18,78 | *18,78* |
| UEA-konto | 3955,84 | *3935,68* | Junulara Fonduso | 501,18 | *501,18* |
| Kaso | 240,36 | *1343,62* | Adopta Fonduso | 98,85 | *98,85* |
| Ricevotaj kotizoj | 360,00 | *90,00* | Terminara Fonduso | 78,48 | *78,48* |
| | | | Estrara Fonduso | 369,52 | *369,52* |
| | | | SAEF-Fonduso | 1956,05 | *1956,05* |
| | | | SAFE-Fonduso | 1700,00 | *1700,00* |
| | | | por turneo de Kubano | 300,00 | |
| | | | kongres-Fonduso | 112,00 | *30,00* |
| | | | „Historia libro (IFEF 100 jaroj)“ | 1847,70 | *1847,70* |
| | | | jarrezultoj sumigitaj | 7114,62 | *7346,14* |
| | | | ĉijara rezulto | 196,45 | *-231,52* |
| | | | antaŭricevitaj kotizoj (kotiz 2014) | 51,00 | *200,00* |
| **Sumo :** | 14344,63 | *13959,18* | **Sumo :** | 14344,63 | *13959,18* |

| Propono de buĝeto por la jaro 2015 | | | |
|---|---|---|---|
| **Enspezoj** | **EUR** | **Elspezoj** | **EUR** |
| Kotizoj | 3900,00 | IF-presado | 1600,00 |
| FFK-vendo | 40,00 | IF-sendo | 1600,00 |
| | | UEA-kotizo | 190,00 |
| | | Afrankoj FK | 10,00 |
| | | FFK-presado | 0,00 |
| | | Estraro | 500,00 |
| | | Bankkostoj | 10,00 |
| | | ifef.net | 30,00 |
| **Sumo :** | 3940,00 | **Sumo :** | 3940,00 |

**Komento :** Por la tabelo « Bilanco»:
- la linio « por turneo de kubano » temas pri mono kolektita dum la kongreso en Artigues-près-Bordeaux ;
- la tabelo ankaŭ montras, ke preskaŭ ĉiujare estas pozitiva rezulto (sumo « jarrezultoj sumigitaj »), sendepende de la sumoj blokitaj en « Fondusoj », tio estas sumoj uzataj por la indikitaj celoj (refondiĝo de la landa asdocio ktp).

| Membro-stato | | |
|---|---|---|
| **Lando** | **2013** | *2012* |
| Aŭstrio | 20 | *20* |
| Belgio | 15 | *15* |
| Bulgario | 15 | *15* |
| Ĉeĥio | 27 | *30* |
| Ĉinio | 15 | *15* |
| Danio | 15 | *30* |
| Francio | 60 | *70* |
| Germanio | 92 | *95* |
| Hispanio | 15 | *15* |
| Hungario | 20 | *20* |
| Italio | 40 | *45* |
| Japanio | 17 | *17* |
| Kroatio | 15 | *15* |
| Kubo | 10 | |
| Norvegio | 20 | *20* |
| Pollando | 10 | *10* |
| Rumanio | 15 | *15* |
| Serbio | | *10* |
| Slovenio | 10 | *10* |
| Individuoj (2013: 1 BE + 4 CH + 1 FR + 1 IL + 2 NL + 1 NO + 1 RU) | 11 | *7* |
| | 442 | *474* |

**Komento :** Por la tabelo « Membro-stato» : la tabelo montras, ke plu malkreskas la IFEF-membraro ;
- en 2013 ne venis kotizoj el Serbio pro malbona enlanda ekonomia situacio ;
- ununura ĝojiga novaĵo estas en IFEF novakceptita landa asocio en Kubo. IFEF decidis subteni ĝin per pago de 10 kotizoj por la jaro 2013.

**Por informo :** La nuna bankkonto estas privata konto. Tio estis farita pro neeblo krei asocian konton : la kasisto ne havas oficialan paperon kun indikoj pri fondo de la Federacio, pri kie ĝi estas registrita ktp. Tio estas nestabila situacio, kiu ŝanĝiĝu ! Pro tio, kaj ankaŭ pro tio, ke la bankkonton la Federacio malmulte uzas, tre probable en la venontaj monatoj la tuta mono estos ĝirita al la UEA-konto de IFEF, kaj do sekve estos nuligita la bankkonto. Tiuj malmultaj, kiuj kutimas ĝiri al la bankkonto de IFEF, probable estontece devos ĝiri al la UEA-bankkonto, kun mencio « por uea-konto de IFEF iffk-o ».

**Laurent Vignaud**

# Antaŭĝoju partopreni en *INNOTRANS* …

Ĉiun duan jaron okazas la granda foiro por la monda fervoj-industrio en Berlino. Fariĝas ĉiufoje pli kaj pli granda, kaj ankaŭ ĉifoje oni antaŭvidas, ke kiam la pordoj al la grandega areo *Berlin Messe Center City* malfermiĝos en septembro 2014, ankoraŭfoje la aranĝo superos ĉiujn antaŭajn ciferojn rilate al ekspoziciantoj, vizitantoj kaj kvadratmetroj kovritaj de interesaj, novaj fervoj-rilataj aferoj …

Kiam oni turnas sin al la praktika organizanto, *Messe Berlin*, oni devas respondi, ĉu oni ekspozicias sub la temo: fervojteknologio, interno de vagonoj, fervoja infrastrukturo, publika transporto, tunelkonstruo. Vi vidas, ke estas ’io por ĉiu’, certe ankaŭ por vi.

La foira periodo dividiĝas en du partoj: 23-26 de septembro estos la ’fermita parto’ por profesiuloj kaj firmaoj, en la grandegaj haloj kaj ekstere, kie estos ĉ. 3.500 m-j da trakoj. Semajnfine, 27-28 de septembro estos la publikaj tagoj, sed malfermiĝos NUR la eksterdoma parto de *INNOTRANS*.

Plurfoje ni estis kelkaj IFEF-anoj, kiuj havis la ŝancon viziti la ’fermitan parton' de la foiro, kaj ni ŝatus, ke pli el vi IFEF-membroj volus partopreni kun ni. En *INNOTRANS* vere oni vidas la amplekson de la fervoja industrio hodiaŭ, kaj mi povas nur rekomendi. Dum la jaro antaŭ la okazo oni eldonas kelkajn kurierojn pri diversaj aferoj, kiujn oni povas antaŭĝoje vidi dum la foiro … de la *’InnoTrans 2014 report’* (Oktobro 2013) ni ĉerpis:

***Pli facile aŭdi kaj kompreni laŭtparolilan informon***. Anoncoj pri la trafiko sur iu kajo devas esti kompreneblaj de ĉiu pasaĝero je ĉiu tempo … jen la natura celo. La plimulto de ni verŝajne iam ie spertis la malon, sed germana entrepreno *Visaton*, kiu okupiĝas pri tiaj aferoj, produktis ’platan laŭtparolilon’ *DPS 40 F*, kiu montris sin bona kaj taŭga, kaj kiu estas nun preta konkeri la stacidomajn platformojn de la mondo. La plata laŭtparolilo (kompare al la tradicia korn-forma) ellasas sonon antaŭen/malantaŭen, dum supren/malsupren kaj dekstren/maldekstren apenaŭ estas aŭdebla io. Tiel sur la koncerna pasaĝerkajo ĉiuj povas

aŭdi, dum sur najbaraj kajoj oni nenion aŭdas. Same la sono ne ’reflektiĝas’ de la platforma pavimo kaj eventuala tegmento. Tiel oni per la nova *Visatron*-laŭtparolilo, kiun ili montros dum *INNOTRANS*, oni alproksimiĝos al la natura celo de uzo de laŭtparoliloj.

***Nevidebla lumo sekurigas pord-areojn por klientoj kaj produktantoj***. Nove evoluigita sistemo de sekureco ĉe la pordoj en publikaj transportiloj estos prezentata dum *INNOTRANS* de germana entrepreno. La nova evoluigo baziĝas je lumradia reto produktita de *Sitrans*. Ĝi estas jam ne tre nova, ĉar ĝi estas aplikata jam en 30.000 lokoj mondskale, kaj la firmao garantias, ke la nova *GWU*-sistemo respondas al ĉiuj postuloj de la germana registaro, nome ke personoj kaj objektoj ne estu tuŝataj aŭ kaptataj sur enir- kaj elir-areoj. La lumradia reto estas nevidebla de la ekstero. Antaŭe, se personoj staras tro proksime al la pordoj, la sekureca sistemo aktiviĝas, kaj la pordoj ne povas fermiĝi. Tion oni evitas per la nova integriĝo, kaj tio altigas la sekurecon kaj samtempe malhelpas vandalismon. Samtempe tio liberigas la produktantojn de pordoj, ĉar la sistemo kovras la zonojn, kie estas danĝero damaĝi fingrojn je malfermo de pordoj, kaj tiel la dezajno de pordoj estas pli libera.

***Dezajno kaj aspekto de la Desiro ML-motorvagonoj*** *por la aŭstraj fervojoj ÖBB.* La cent novajn *ÖBB cityjet*-motorvagonkombinaĵ-ojn produktas *Siemens*. En la decida procedo pri la interno de la vagonoj oni celis al uzo de freŝaj koloroj, altkvalitaj materialoj, hela aspekto. La internon dezajnas la viena entrepreno *Sprit Design*. La vagonkombinaĵo estas dividita en kvar areoj por komunikado, laboro, malstreĉo kaj ’servoj’, ĉiu areo kun sia specifa trajto. Por komunikado ’malferma spaco’, por laboro trankvilo kaj intimeco, laborlampoj kaj tabloj por komputilo, por malstreĉo komfortaj seĝoj, por servo loko por rulseĝoj, bicikloj kaj infanĉaroj – kaj informekranoj je grandeco 26 ”.



La koloroj estas blanka-ruĝa-blanka. La *ÖBB cityjet* estas tri-vagona kombinaĵo kun sidlokoj por 244 homoj en ĉefurba trafiko kaj por 259 homoj en regiona trafiko. La veturilojn liveros la produktanto ekde la jarŝanĝo 2015-2016.




***Hindio: Mendo por 45 milionoj da US Dolaroj***. Antaŭ nelonge la hinda ministerio por fervojtransporto en la nomo de la prezidento subskribis kontrakton pri 36 *CNC*-surfacaj radaks-tornmaŝinoj je la prezo de entute 45 milionoj da US Dolaroj. Tiuj maŝinoj forprenas plataĵojn kaj triviĝojn kvazaŭ senŝeliĝajn kaj ĝustigas la radprofilojn laŭ antaŭe programitaj parametroj. La produktanto estas *HYT Engineering Co. Pvt. Ltd.*, unu el la signifaj entreprenoj en tiu sfero de fervojindustrio. Ĉiuj 36 maŝinoj estu liveritaj en la daŭro de nur du jaroj, kaj la entrepreno taksas tiun taskon la plej grandan kontrakton pri tiuj maŝinoj – cetere ili opinias, ke *INNOTRANS* estas la perfekta forumo montri novaĵojn, teknologion kaj kreivecon.



Vi vidas, ke estas multaj interesaj aferoj - kaj multaj diversspecaj interesaj aferoj por rigardi en *INNOTRANS* 2014. Turnu vin al la gvidanto de FK, *Jan Uldal Niemann*, (niemann@kabelmail.dk), se tio interesas vin.

**Jan Uldal Niemann**

INTERNACIA FERVOJISTO
64-a eldonjaro
Dumonata fervojfaka Revuo en Esperanto kaj organo de Internacia Fervojista Esperanto-Federacio
Prezidanto: Rodica Todor
(Rumanio)
rodica_todor@yahoo.com
Vicpr: Sylviane Lafargue
(Francio)
sylviane.lafargue@dbmail.com
Sekretario: Vito Tornillo
(Italio)
vitorni@virgilio.it
Kasisto: Laurent Vignaud
(Francio)
laurent.vignaud@free.fr
Redaktora Komisiono:
Gvidanto: István Gulyás
(Hungario)
istvan.gulyas@hdsnet.hu
Membroj: J. Patay,
J. Ripoche
Franca poŝtĉekkonto:
Ĉekoj aŭ ĝiroj al
„Laurent Vignaud"
9 293 74 Y NANTES
IBAN:
FR3320041010110929374Y03237
BIC-kodo:PSSTFRPPNTE
UEA-konto: iffk-o
Apermonatoj:
januaro, marto, majo, julio, septembro, novembro
Redaktofino:
Ĉiam la 10-an de la antaŭa monato
ISSN 0230-323x
www.ifef.net
Faka Komisiono:
GV: Jan Niemann
niemann@kabelmail.dk
SK: D-ro Heinz Hoffmann
hoffmann-ifef@cablemail.de
SK: Inĝ Ladislav Kovař
kovar.lad@email.cz

# ANONCOJ

En **Rumanio** okazos du aranĝaĵoj:

01-12.06.2014: **Ekkonu Rumanion de Karpatoj ĝis la Delto de Danubo kaj la Nigra Maro.**

12-taga tradicia somera aranĝo okazos por esperantistoj, dum kiu oni povas malkovri diversajn regionojn de la lando, de la ĉefurbo Bukareŝto kaj Transilvanio – trapasante Karpatojn ĝis la unika Delto de Danubo, biosfera rezervejo.

19-25.07.2014: **Internacia Esperanto-Konferenco de OSIEK okazos en Brasovo.**

Temo:La maro en literaturo kaj muziko.

Pliajn informojn oni povas ricevi per retadreso: rodica_todor@yahoo.com.

En **Francio** okazos **Seminario de Esperanto:**

21-28.06.2014: FFEA kaj la landa asocio de FISAIC organizas sian 9-an seminarion de Esperanto en Argentiére Valo de Chamonix.

La restadejo: Feria domo, kiu situas laŭ la arbaro kaj la rivereto, apud la stacidomo (200 m-j).

La kursoj: Trinivelaj estas proponataj:

- Komencantoj (S-ino Mari Lou Cochard),
- Progresantoj (S-ino Josée Lafosse)
- Konversacia grupo (S-ino Rodica Todor).

Ceteraj aktivaĵoj: La kursoj okazos matene. Post la tagmanĝo oni povas malkovri la alpan regionon. Eblos partopreni per piedaj ekskursoj atingotaj per telfero. Vespere okazos filmprezentadoj, prelegoj, ludoj kaj aliaj aferoj.

Informojn kaj aliĝilon oni povas peti de AFCE: (9 rue du Chateau-Landon – 75010 Paris: <http//ifef.free.fr/afce>);
de Sekcio-Esperanto Liono, Pascale Voldoire: (4. Allée du Coteau – 69530 Brignais:
pascale.voldoire@lvman.net

**Redaktoro**